REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO
FRANCA ESPERANTISTO

FONDITA en 1908. TRIA SERIO
30a JARO — N° 207. Apr. 1962


U.E.F., 34, rue de Chabrol, Paris Xe — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Téléphone : PRO. 55.03



# La Unua Internacia Konferenco Esperanta de Sciencistoj

*Okazos en Kopenhago lige al la Universala Kongreso.*

La lingva problemo en la scienco *estos la temo de speciala konferenco de esperantistaj sciencistoj, kiu laŭ ĵus farita decido sekve de interkonsento inter Universala Esperanto-Asocio kaj Internacia Scienca Asocio Esperantista okazos paralele al la 47-a Universala Kongreso de Esperanto en Kopenhago.*

*Ne estas necese atentigi al la esperantistaro pri la eksterordinara graveco de tiu ĉi decido. La lingva problemo en la scienco estas premega. La diverseco de lingvoj forrabas tempon kaj energion, perdigas milope eblojn de kontaktoj, lasas oftege neatentitaj sciencajn atingojn de neprivilegiitaj lingvoregionoj, malfaciligas rektan interŝanĝon de pensoj en internaciaj sciencaj, konferencoj kaj kongresoj, kreas malklarecon, kie devus esti klareco — situacio katastrofe malkonforma al la spirito de la scienco, al la principa efikeco de ĝiaj labormetodoj.*

*En Kopenhago oni dediĉos seriozan studadon al tiu ĉi problemo, kaj ni nun alvokas al ĉiuj esperantaj organizaĵoj kaj gazetoj kunlabori por diskonigi tiujn ĉi urĝajn informojn pri la okazigo de la konferenco. Al tiu ĉi konferenco estas kore invitataj ĉiuj sciencistoj, kiuj povas kaj volas serioze kontribui al la laboroj de la konferenco. Koncize la plano estas la jena.*

*La konferenco estas, kiel menciite, malfermita al ĉiuj sciencistoj, kiuj iel povas kontribui. Aliflanke, la laborkunsidoj de la konferenco estas — kiel ĝenerale estas tiaj sciencaj laborkonferencoj — fermitaj al nesciencistoj, nefakuloj. Ĉi tio tamen ne malebligas, ke speciale interesiĝantaj nefakuloj per antaŭa peto povas ricevi permeson ĉeesti kiel observantoj.*

*La Konferenco konsistos el du partoj, sekve de la kunlaboro kun U.E.A. La unua parto estos la prelegoj de la Internacia Somera Universitato, kiuj ĉi-jare direktiĝos al temoj rilatantaj al la celo de la konferenco, studo pri la lingva problemo en la scienco. Ili pritraktos tiun temon el la vidpunktoj de la diversaj fakoj, ne detaliĝante pri ĝeneralaĵoj jam bone konataj (ekz. ĝenerale prisciataj lingvaj malfacilaĵoj ĉe internaciaj konferencoj ktp), sed koncentriĝante pri specifikaj lingvaj problemoj de la unuopaj sciencoj puraj kaj aplikataj. Ĉiuj prelegoj estos pretigitaj manuskripte, kaj la tuta materialo formos gravan parton diskutotan en la laborkunsidoj de la konferenco.*

*Alia parto de la studota materialo formiĝos per kontribuaĵoj preparitaj antaŭ la konferenco de sciencistoj-specialistoj. Pro la atendata amplekso de la materialo kaj la limigita tempo disponebla por la diskutado, tiuj kontribuaĵoj devas aperi en formo de mallongaj traktaĵoj, pli malpli kiel resumoj, tamen, se necese por la dokumentado, akompanataj de tabeloj, grafikaĵoj k.s. Tiuj kontribuaĵoj devas esti senditaj al Kopenhago antaŭ la konferenco, ĝis plej malfrue la 15-a de junio, por povi esti multobligitaj kiel provizora raporto disdonota al la konferencanoj por pristudado.*

# FRANCA ESPERANTISTO
## REVUE FRANÇAISE D'ESPÉRANTO
**OFICIALA ORGANO DE U.E.F. (Unio Esperantista Franca)**
**34, Rue de Chabrol, Paris X^e - C.C.P. 855-35 Paris**

**Secrétariat :**
**Mlle Y. PAULIER.** - Le Secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h. à 12 h. et de 14 à 18 h. (sauf dimanches et mardis). Pour toute réponse, joindre une enveloppe timbrée à votre adresse. - **Pour tout envoi d'argent, précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.**

Pour toute demande de renseignements, prière de joindre **une enveloppe timbrée avec l'adresse.**

**Rédaction :**
**M. Pierre PETIT,** U.E.F., 34, rue de Chabrol, PARIS X^e. Tél. : PRO. 55-03.

Tous les articles et communiqués ne peuvent être acceptés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge des deux côtés du texte et un **double interligne.** Ainsi seulement ils seront insérés. Tous les articles **ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

Les textes envoyés doivent être aérés, lisibles, correctement présentés et rédigés. S'il s'agit d'informations concernant le Mouvement français, elles doivent être obligatoirement rédigées en Espéranto.

Prière d'envoyer des clichés et non de simples photos.

**La rédaction se réserve le droit de corriger les textes reçus,** qui doivent être aussi brefs et concis que possible.

## U. E. F. COTISATIONS

Les versements sont à effectuer au trésorier fédéral ou, à défaut, à l'U.E.F. (Paris). C.C.P. 855-35 Paris.

| | NF : |
|---|---|
| **MEMBRE APPROBATEUR** | 1,50 |
| **MEMBRE ACTIF** | 3,50 |
| **MEMBRE ACTIF** (avec abonnement) | 10 |
| **MEMBRE JUNIOR : moins de 21 ans*** (TEJO) et **étudiants**** | 6 |
| **MEMBRE BIENFAITEUR U.E.F.** (avec abonnement à la « RF d'E. ») | 20 |
| **MEMBRE A VIE U.E.F.** (avec abonnement) | 300 |
| **Abonnement seul à la REVUE FRANÇAISE D'ESPÉRANTO** | 7 |
| **Pour l'étranger — Por eksterlandaj abonantoj** | 10 |

SUPPLEMENT POUR **UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO** (U.E.A.)

| | NF : |
|---|---|
| **MEMBRO JARLIBRO** (reçoit l'Annuaire de l'U.E.A.) | 10 |
| **MEMBRO ABONANTO** (reçoit « Esperanto » et Annuaire) | 20 |
| (La kotizoj de junuloj ĝis 21 jaroj * estas respektive **5 NF** kaj **10 NF** ; nun JMJ kaj JMA estas aŭtomate TEJO-anoj ; la pliaĝaj studentoj pagas plenan kotizon). | |
| **MEMBRO SUBTENANTO** | 30 |
| **SIMPLA ABONO AL « ESPERANTO »** | 15,50 |

Les versements concernant le Groupe des Educateurs Espérantistes sont à faire à G.E.E., 6, rue de la Paix, Baugé (M.-et-L.) - C.C.P. Nantes 1501-41. Membre simple : 800 Fr. ; de soutien : 1.000 Fr. ; bienfaiteur : 1.200 Fr. (8, 10 et 12 NF).

* Indiquer la date de naissance.
** Indiquer la Faculté.

*La tuta materialo tiel kolektita estos diskutata en la laborkunsidoj de la konferenco. Ĉiuj prelegoj de la Internacia Somera Universitato okazos antaŭ ĵaŭdo de la kongresa semajno, la unuaj kunsidoj de la konferenco mem okazos verŝajne dum la tuta ĵaŭdo, plue dum kelkaj horoj de vendredo kaj la konkludiga kunsido sabaton posttagmeze.*

*Kiel ĉefa organizanto de la konferenco mi alvokas, mi ripetas, la kunlaboremon de esperantaj organizaĵoj kaj gazetoj, ke ili bonvolu senprokraste diskonigi la supre donitaj vere urĝajn informojn pri la konferenco. Kaj en la nomo de Internacia Scienca Asocio Esperantista mi tutkore invitas sciencistojn esperantistajn kaj neesperantistajn partopreni en la studoj antaŭ la konferenco kaj en la konferenco mem. Ĉiuj, kiuj emas kunlabori kaj partopreni estas petataj skribi al la 47-a Universala Kongreso de Esperanto, Kopenhago, per* apartа *letero temanta* nur *pri la aferoj de la konferenco kaj kun la jena indiko sur la koverto :* Scienca Konferenco. *Ili sciigu la eventualan precizan temon (kun ioma indiko pri la enhavo de la kontribuaĵo), kiun ili proponas por pritrakto en la konferenco.*

*La tuta materialo de la konferenco, la prelegoj, la ceteraj kontribuaĵoj kaj la referatoj de la diskutoj, estos kompilitaj en granda raporto, supozeble multobligita kun presita kovrilo, kiu estos publikigita per kunlaboro inter la Internacia Scienca Asocio Esperantista kaj la Centro de Esploroj kaj Dokumentado, Londono. Supozeble la raporto aperos ankaŭ nacilingve.*

Paul Neergaard,
Organizanto de la Unua Internacia Konferenco Esperanto de Sciencistoj,
Vicprezidanto de Internacia Scienca Asocio Esperantista,
Prezidanto de LKK de la 47-a Universala

**NOVA ADRESO SER-VA CENTRO DE U.E.A.**
**La SERVA CENTRO DE U.E.A. nun troviĝas en Zurich, je la adreso de la nova administranto,**
**S-ro J.J. Sturzenegger,**
**Rothstrasse 7,**
**ZURICH 6/57, Svislando**

# U. E. F.

## KELKAJ RIMARKOJ POST 40 JAROJ DE ESPERANTISTA VIVO

**Mi neniam komprenis kial, en la Esperanto-Movado, ne estas plena konkordo inter ĉiuj gesamideanoj.**

**Fundamente, antaŭ ĉio,** vera Samideano havas nur unu celon : **propagandi Esperanton, por ke la Internacia Lingvo estu fine parolata en la tuta mondo, kaj ke, tiel, daŭra harmonio regu inter ĉiuj popoloj.**

**Starigi kursojn, agi por ke oni lernu Esperanton en la lernejoj, jen, laŭ ni, la ĉefaj celoj de niaj gesamideanoj.**

**Sekve,** ne devus ekzisti inter ni malkonkordo, **ĉar ni sekvadas la saman celon.**

**La ĉefaj agemaj Membroj t. e. la Konsilantoj, la Federaciestroj, la Profesoroj estas ĉiuj bonvolaj, kaj, koncerne sian agadon, ili havas** nenian profiton. **Kontraŭe, se ni simple notus la** elspezojn **kiujn ni konsentas, ĉiu persone, por la Esperanto-Movado, ni preskaŭ timotremus.**

**Estas nenia morala profito « brili » en tiu aŭ tiu posteno, ĉar, bedaŭrinde, Esperanto estas ankoraŭ konsiderata de la plej grava parto el la Francoj kiel neglektinda instrumento, kaj la Esperantistoj, kiel fantaziuloj aŭ iuj « aĵoj » en... « isto »...**

**En Francujo, estas 2.000 Esperantistoj kiuj pagas kotizojn, eble, sama kvanto kiuj ne kotizas. Tio estas 4.000. Por kuraĝigi nin, ni supozu ke estas en Francujo 10.000 Gesamideanoj. Sed, kompare al la 40 milionoj da enloĝantoj en Francujo, la proporcio estas** ege kontrasta.

**Estas do tute neutile havi** vanan gloron, **pro la fakto posedi postenon kiun iuj nomas kun emfazo...** eminentan.

**En la Konsilantaroj, oni petas bonvolemulojn. Nu, kial do voĉdonoj ? Laŭ mia opinio, devus temi nur pri kunlaboradpetoj,, kun laborplanoj tute difinitaj, kaj** ĉiuj kiuj volus labori havus **lokon en la konsilantaro.**

**Prezidanto ? Kial ? Por subskribi la oficialajn dokumentojn ? — Konsentite, sed en perfekta harmonio, kaj, precipe, kun iu delikata singardo kiu postulas ke, en** amika konsilantaro, **ĉiu ne konsideru sin** kiel « fenikso », **sed modesta kunlaboranto, kaj, krom tio havante** respektplenajn sentojn unuj por la aliaj.

**Do, zorge eviti ĉion kio povus ofendi la sindonajn esperantistojn. Ĉiam pripensi ke ĉiu havas sian dignon, kaj deziras esti Membro de la Konsilantaro je la plena senco de la vorto, kaj ne esti konsiderata kiel superflua aŭ kromnombra Administranto.**

**Ni devas, ne detrui, sed konstrui.**

**Kaj, ĉu ne estas ja bela tasko pacigi la spiritojn kaj la korojn ?**

**Sed, ni devas zorge klopodi por ke tiu paco, interna kaj ekstera** regu antaŭ ĉio, **ĉe ni.**

**Ĉu ni estos kapablaj starigi unue ĉe ni tiun grandan rondon familian, homaman universalan, konforme al la ardega deziro de Doktoro ZAMENHOF ?...**

**Nu! Ni forlasu do en la antaŭambro la venenon de la disputo, kaj mano en mano, ni laboru por tiu noblega idealo, al kiu ni firme dediĉis nin, jam, de multnombraj jaroj.**

René LLECH-WALTER,
Prezidanto de « U.E.F. »
Komitatano de « U.E.A. »

## NI ESTU... SERIOZAJ

**Ni lasos al aliaj la zorgon perdi tempon en senfinaj diskutoj pri statutoj aŭ filozofii pri la nuntempa situacio de la esperanto movado nacie kaj internacie.**

**Pri ambaŭ punktoj, nur la vero, estas. Tiu kiu proponas ion, devas, samtempe, proponi la monajn kaj homajn rimedojn per kiuj li (aŭ ŝi) efektivigos mem la proponon. Ne tion farante, ili perdas sian tempon (tio ne estas grava) kaj perdigas la tempon de la aliaj, kaj tion oni ne rajtas permesi.**

**Nuntempe, estas tri aferoj, kiuj reprezentas verajn diskutindajn problemojn.**

**Unue, la moderneco de la Esp. budo en la Foiro de Paris. La Pariza Federacio kaj ties Federacia Konsilantaro detale ekzamenis la problemon kaj trovis la necesan monrimedon kaj teknikan proponon por ĝin efektivigi.**

**Due, la Kongreso en Epernay decidis organizi kulturan semajnon. Tiu decido, nun efektiviĝanta, permesas al la esp. movado en Francujo eliri el la propagando al la praktika uzo de Esp. por ĝeneralaj kulturaj celoj. Ĉiuj niaj nuntempaj esp. grupoj devas same evolui.**

**Trie, ni alportas nian plenan helpon al la forumo demonstracio de Romo, por la popoluniversitatoj. Tiu praktika uzo de esp. ekster la esp. movado estas ankaŭ en la sama senso. Laŭ niaj lastaj informoj partoprenos al tiu forumo la reprezentantoj de la junularo en la sekvantaj landoj : Aŭstrujo : 4; Belgujo : 5; Britujo : 5; Bulgarujo : 2 aŭ 3; Ĉeĥoslovakujo : 4; Danujo : 1 ĝis 3; Francujo : 5; Germanujo : 5; Grekujo : 1; Hispanujo : 1; Italujo : 5; Madagaskaro : 1; Norvegujo : 2; Pollando : 6 (artista grupo); Svedujo : 2; Svisujo : 5; Jugoslavujo : 5; Usono : 1.**

**Plie nun, dank'al Sro Blanc, ni havas valorplenan homon por okupiĝi pri enkonduko de esp. en la lernejojn.**

**Ni ekestu... seriozaj.**

**P. PETIT.**

## ĜENERALA KUNVENO DE U.E.F.
## BAUGÉ 21-4, 22-4 1962

### SABATO 21a DE APRILO 1962a
### je la 18a

EKSTERORDINARA ĜENERALA KUNVENO

Diskuto kaj aprobo de la novaj statutoj postulitaj por la agnosko kiel asocio de publika utileco.

Raportantoj : Sroj Rougetet kaj Thierry.

### DIMANĈO 22a DE APRILO 1962a
### je 9 h. 30

I. — Aprobo de la protokolo de la ĝenerala kunveno en Epernay kaj de la protokolo de la eksterordinara kunveno en Lyon.

II. — Diskuto de la raporto de la Estraro.

III. — Diskuto de la raporto financa.

IV. — Raporto de la kontkontrolistoj.

V. — Raporto pri la « Revue française d'Esperanto ».

VI. — Raporto de la Franca Esperanto Instituto.

VII. — Raporto de la Komisiono pri Instruado.

VIII. — Raporto de la Ĉefdelegito de U.E.A.

IX. — Sugestoj de la federacioj, fakoj kaj grupoj.

X. — Rezultoj de la Kultura Semajno. Eksperimento de Romo, Nomigo de la gajnantoj de la vojaĝo.

XI. — Diskuto pri kvinjara plano de agado.

XII. — Eventuala elekto de administrantoj.

XIII. — Dato kaj loko de la kongreso de 1963.

XIV. — Diversaĵoj.

---

## CHAINE D'AMITIE
## DES JEUNES D'EUROPE

L'Association EUROPAX a pour but de développer les liens d'amitié entre les peuples européens et plus particulièrement entre les jeunes. Elle recherche actuellement dans chaque localité de jeunes correspondants pour lancer prochainement LA CHAINE D'AMITIE DES JEUNES D'EUROPE. Les candidatures doivent être adressées à EUROPAX, Hirson (Aisne), en ayant soin d'écrire lisiblement vos nom, prénom, âge et adresse accompagnés de 2 timbres à 0,25 NF. pour frais de constitution de dossier.

**ANKORAU NOVA STRATO « ESPERANTO »**

**Dimanĉon la 29-an de Aprilo okazos en Privas (Ardèche) solena inaŭguro de Strato « Esperanto ». La ceremonio okazos sub la aŭspicoj de la Ministerio pri Junularo kaj la Ubestraro de Privas. Sro Asqueri oficiale reprezentos U.E.F. ĉe la solenaĵo. Sendu gratulleteron al Sro Gounon, urbestro de Privas. Ni mem gratulu la iniciatinton, S-ron Jayer el Aubenas.**

## LA LANTERNO DE ROCHECORBON

Supestarranta la Liĝeran valon, la mezepoka kastelo « Les Roches » (La Rokoj) apartenis dum la 10-a. jarcento al la freŭda Sinjoro de Corbon, kies nomo, pro tio, fariĝis « Rochecorbon » (Roko-Corbon). En 1189, volante rabi la pro-Leonkora, reĝo de Anglujo, helpata de la franca reĝo Filipo-Aŭgusto, atakis la kastelon, kaj sturme ĝin kaptis.

Post anekso de Tours-lando al la franca Krono, en 1204, Filipo-Aŭgusto prenis kun si eliton de kavaliroj. Sinjoro de Rochecorbon estis unu el la ĉefoj de la bravuloj, kiuj portis sian standardon al la batalo de Bouvines, en 1214. Tiu fama batalo estis grava venko de la franca reĝo kontraŭ la Angloj kaj iliaj kunliganoj.

La kastelo estis malfortikigita fare de la Angloj, kiuj ĝin kaptis en 1424.



Posedita sinsekve de pluraj grandsinjoroj, la bieno Rochecorbon — kiu entenis 3 kastelbienojn kaj 23 feŭdojn — fariĝis dum la 18-a jarcento posedaĵo de Dukoj de Luynes, ĝis la Revolucio.

Nuntempe, sola restaĵo de la kastelo de l'Rokoj, la « Lanterno » superstaras la urbeton Rochecorbon, sur la kreteca roko traborita de multaj trogloditaj loĝejoj. Konstruita en 1095, tiu kvadrata turo, 11 metrojn alta, utilis por lumsignaloj avertantaj la garnizonon de la najbara kastelo Amboise, okaze de minacanta danĝero.

**A. Brosseau.**

—o—

**ANONCETO**

# Lingva Alvoko
# Al la Kongreso de U. E. F.

**La 1-an kaj la 8-an de Februaro nunjara, je la 9-a, sinjoro Etiemble, profesoro pri literaturo en la Sorbonne, faris por siaj studentoj du prelegojn sub la titoloj « La Lingvo Universala » kaj « La Babelaĵo ». Ambaŭ prelegoj estis dissenditaj de la Radio (312 m.), La eminenta profesoro, kompreneble, parolis ankaŭ pri Esperanto.**

**Kiu estas la opinio de prof. Etiemble pri nia kara lingvo ? Jen ĝi (grandlinie) :**

**Por ludi la rolon de lingvo universala, Esperanto taŭgas malpli ol kiu ajn nacia lingvo, ĉar pli ol kiu ajn nacia lingvo, Esperanto, lingvo artefarita, estos elmetata al daŭra influo de naciaj lingvoj. Fatalece,** Esperanto baldaŭ disdialektiĝos.

**Kutime, ĉe similaj okazoj, troviĝas inter la francaj Esperantistoj elementoj sufiĉe kompetentaj, almenaŭ koncerne Esperanton, por respondi eĉ al Sorbona profesoro. Sed ĉi-foje ne povas imagi, ke iu el ni, konanta la nunan situacion, kuraĝos kontraŭdiri al la tezo de prof. Etiemble.**

**Nu ? Ĉu Esperanto disdialektiĝas ?**

**Kiam la samaj vortoj ne plu havas la saman sencon por ĉiuj, kiam unuj uzadas la participojn de l'konjugacio en unu senco, la aliaj en senco** tute kontraŭa, **tio estas disdialektiĝo. Kaj tie komenciĝas la Malbeno de Babelo anoncita de prof. Etiemble.**

**Kontraŭdirante al prof. Etiemble, ĉu ni ne riskas aŭdi lin respondi : « Sed, sinjoroj, ŝajnas, ke pri la nuna stato de Esperanto mi estas pli bone informita ol vi. Ĉu vi ne rimarkis, ke jam la ĝermanlingvanoj inter vi praktikas la pasivan konjugacion tute alimaniere ol via Fundamento ? Ĉu inter la Esperantistoj ne jam laŭtiĝas voĉoj por postuli de la slavaj popoloj, ke ili adaptiĝu al la nova konjugacisistemo ? (1) » — Kaj prof. Etiemble konkludos triumfe : « Jen la vivanta, elokventa konfirmo de mia tezo ! »**

**Oni ne lulu sin en beatan kvieton per la konata ario : Niaj internaj diskutoj ne estas konataj ekster niaj rondoj ! — Ne kredu tion ! Per niaj sterilaj polemikoj (prilingvaj aŭ priorganizaj) ni** fornaŭzis **jam multajn adeptojn, ne nur komencanton, sed ankaŭ harditajn elementojn. Ili forlasas nin kun certa scio pri niaj internaj aferoj. Plue ĉiujare forkuras de nia tendaro ankaŭ ĝistiamaj kunuloj. Kial ? Pro trompitaj ambicioj, sensukcesa rivaleco, laĉiĝo, manko de intereso kaj pro multaj aliaj kaŭzoj, inter kiuj la ĉapitro « Cherchez la femme », ne estas la malplej ampleksa. — Jes, niaj eksteraj malamikoj havas informantojn, kiam ili ne estas mem... iamaj Esperantistoj !**

**El la kelkaj ekzemploj pri « konversacioj inter frenezuloj », kiujn mi kolektis sur aldonita folio, ĉiuj komprenos, ke estas infanaĵo kaj stulta memtrompo aserti, ke ambaŭ skoloj povas « koekzistadi », ĉar — tio estas pruvebla kaj estis pruvita centfoje — la participsistemo de l'Fundamento kaj la ĝermana participsistemo kontraŭas unu la alian.**

**Sekve, estas nehoneste, nelojale, proponi al la publiko sub la nomo « ESPERANTO » internacian kodon, kies unuopaj ekzempleroj ne estas en ĉiuj punktoj absolute identaj. Tion oni nomas trompo !**

**Jen unu paĝo (koncerne la pasivan konjugacion) el la kodo ESPERANTO, kiel ĝi prezentiĝas nun :**

| Ideo en nacia lingvo | Traduko en la Fundamenta Esperanto | Traduko en la ĝermana varianto de Esperanto |
|---|---|---|
| **Ago en efektiviĝo** | **-ata** | **En la AS-tempo ĉiam -ata**<br>**En la IS-tempo kelkoje -ata** |
| **Ago en efektiviĝo ĝis finiĝo inkluzive** | **-ita** | **-ata** |
| **Plifruiĝo de konjugacia tempo** | **Se necese, oni aldonas adkvatan tempindikan vorton** | **Se necese oni aldonas adekvatan tempindikan vorton KROM koncerne la Pluskvamperfekton, kiu esprimiĝas ĉiam per « estis -ita »** |

(1) El cirkulero de Dsr. F. Roose, Brugge (Belg). « Kaj la slavoj nur devus fari la malgrandan penon forigi el sia pensado tiun ideon de daŭro... »

**Kaj nun, Esperantistoj, al viaj konsciencoj ! Kiu el vi kuraĝas aserti, ke Esperanto estas lingvo klara ? Kiu el vi povas, kun trankvila konscienco, honest-aĝe enkonduki Esperanton kiel instrufakon en lernejon ? Kion vi respondos, kiam la lernejdirektoro riproĉos : « Ĉe la ekzamenoj en A... oni kalkulis eraron al Karlo, ĉar il skribis Estis-Ata, dum ĉe la ekzamenoj en B... oni kalkulis eraron al Petro, ĉar li skribis estis-Ita, kvakam en ambaŭ okazoj temis pri la sama frazo ? « Kiu el vi kuraĝas proponi Esperanton kiel « la idealan lingvon por internaciaj kontraktoj » al komerca aŭ industria entrepreno, al ŝtata aŭ superŝtata instanco ? Ĉu vi akceptos la respondecon pri neeviteblaj protestoj, kontestoj, miskomprenoj kaj senfinaj fuŝaĵoj ? (Vidu la ekzemplojn ĉi-flanke).**

**DO, KION FARI ?**

**La gramatikaj argumentoj por kaj kontraŭ la Zamenhofa Esperanto, estas sufiĉe konataj. Grandlinie la pozicioj kaj opozicioj de l'protagonistoj restas la samaj. Ĉar ekzistas nuntempe nek inter, nek super la Esperantistaro, instanco sufiĉe kompetenta kaj aŭtoritata, la Saĝeco konsilas restadi senŝanĝe fidela al la Zamenhofa Esperanto, se oni volas eviti la disfalon kaj malaperon de Esperanto.**

**Tial mi invitas la Kongreson de U.E.F. esprimi unuanime la deziron, ke pli fidele ol iam la Esperantistaro de la tuta mondo regrupiĝu ĉirkaŭ la FUNDAMENTO TIA, KIA Zamenhof mem uzadis kaj praktikadis ĝin.**

**Mi invitas la Kongreson de U.E.F. postuli per rezolucio nemiskomprenebla kaj energia, ke sub la nomo « ESPERANTO » estu propagandata, sole kaj ekskluzive, la lingvo kreita de D-ro Zamenhof KIA ĜI REZULTAS EL LA GRAMATIKO KAJ LA EKZERCARO de la Fundamento.**

**Mi estas certa, ke tion farante la franca Esperantistaro montriĝos inda je siaj gloraj antaŭuloj, generalo Bastien, rektoro Boirac, Carlo Bourlet, Cart, Grosjean-Maupin, de Ménil, Rollet de l'Isle kaj sennombraj aliaj, kiuj siatempe kontraŭstaris kun necedema obstino al ĉiuj « plibonigoj » de Ido.**

**Kaj tiam, sed nur tiam, ni povos denove respondi al ĉiuj kontraŭuloj de nia bona Esperanto, eĉ se ili estas profesoroj en la Sorbonne.**

Raymond SCHWARTZ.

## ALDONO
## ESPERANTO 1962 AŬ KONVERSACIOJ INTER FRENEZULOJ

I

Kliento telefonas al sia juvelisto : « Mi aŭdis, ke mia braceleto estis riparata hieraŭ. Kial vi ne sendis ĝin tuj al mi ? »

**Juvelisto** : « Ĉar hieraŭ ĝi estis riparata ! »

II

**Atestanto** (antaŭ la tribunalo) : « Sinjoro juĝisto, la porko de mia najbaro estis ŝtelata hieraŭ antaŭ miaj okuloj ».

**Juĝisto** : « Do, kion vi faris por malhelpi tion ? »

**Atestanto** : « Estis tro malfrue por interveni ? Mi vidis nur la ŝtelistojn forveturi kun sia ŝtelaĵo ».

**Juĝisto** : « Do, ne diru, ke la porko estis ŝtelata, sed ŝtelita antaŭ viaj okuloj ! »

**Atestanto** : « Pardono, sinjoro juĝisto. La ŝtelo ckazis hieraŭ kaj ne jam antaŭhieraŭ ! »

III

El rakonto.

**Unu aŭtoro** : ... Ĉar tiumomente la vojo estis barata, ni devis rapidi por pasi kaj daŭrigi nian vojaĝon. Sed iom pli malproksime, kie la vojo atingas la riveron, ni ne plu povis pasi, ĉar la ponto estis tiam konstruata.

**Alia aŭtoro** : ... Ĉar tiumomente la vojo estis barata, ni ne plu povis pasi, devis uzi ĉirkaŭvojon. Iom pli malproksime, kie la vojo atingas la riveron, ni povis facile transiri, ĉar la ponto estis tiam konstruata.

IV

**El raporto al la firmoĉefo** : « ... La 2-an de Marto, s-roj A. kaj B. renkontiĝis kun s-ro C., en ties oficejo, kie la kontrakto estis subskribita ».

**Respondo de la ĉefo** : « La sola afero, kiu interesas min, estas : Je kiu dato tiuj sinjoroj subskribis la kontrakton ? Kaj ĝuste tion vi ne diris al mi ».

V

**Policisto, enketante** : « Ĉu vi renkontis tiun homon jam pli frue ol hieraŭ ? »

**S-ro X** : « Neniam antaŭe, tion mi povas ĵuri ».

**Policisto** : « Rakontu al mi, kiel vi konatiĝis kun li ».

**S-ro X** : « Hieraŭ mi eniris en restoracion, kie mi estis akceptita de la kaj... »

**Policisto** : « Halt' ! Vi perfidis vin mem ! Ĵus vi konfesis, ke vi renkontis tiun homon jam pli frue ! En la karceron !

**S-ro X, sur la malseka pajlo de karcermatraco** : « VIVU ESPERANTO ! »

VI

**Unu samideano** : Jes, mi bone konas la filon de X. Li estis edukata en la plej multekostaj lernejoj, sed edukita nenie.

**La dua samedeano** : Tio, kion vi diras, ne havas sencon !

K.T.P...

# ZAMENHOF EN VEJSEJE

En « Franca Esperantisto », n-roj 195-196, dec. 1960-jan. 1961, p. 3, estas publikigita traduko de unu eltirajo el la verko de pastro Dambrauskas « La estingiĝintaj lumiloj ». Pastro Dambraukas skribas : « Farmaciisto Pikover edziĝis al fratino de Zamenhof, Fania, kaj fondis en Veisiejai apotekon. Baldaŭ post tio Pikover ekmalsanis je psika malsano ; invitite de la fratino la frato de Zamenhof — Leono — ekloĝis en Veisiejai, kaj poste, reveninte el Vieno post la oftalmologia kurso, Zamenhof... Foje, en la printempo 1886 lin, revenantan el Gardinas (ne litove Grodno), en la vilaĝo tute apud Veisiejai haltigis virino... En 1886 al unu hebreo Veisiejaiano, veturiganta Zamenhofon al Kaunas (ne litove Kovno), falis la ĉevalo... En 1887, reveninte el Vieno post la oftalmologia kurso, Zamenhof en Veisiejai tutan someron tiujaran pasigis boatpromenante sur lago Anĉia... Multe li laboris ankaŭ nokte; ja tiam li preparis por presigo vortaron kaj gramatikon de la aperonta lingvo Esperanto. Dumsemajne li forbruligadis po 3 funtoj da kandeloj. El Veisiejai li ofte veturadis al Kaunas, kie li estis fianĉigita al Klara Silbernik... La 14-an de julio 1887 la cenzuro permesis presi la unuajn lernolibrojn esperantajn... Aŭtune de la sama jaro Zamenhof forlasis Veisiejai ».

En la eltirajo estas multaj eraroj kaj fantaziaĵoj.

JEN LA FAKTOJ

Leono Zamenhof naskiĝis la 31-an de oktobro 1875, en aŭgusto 1885, li eniris la duan viran varsovian gimnazion, kiun li finis en 1893, kaj en 1900 li finis Varsovian universitaton (A).

Ludoviko Zamenhof en la komenco de januaro 1885 finis Varsovian universitaton (B).

En la komenco de februaro 1885 li forveturis al urbeto Vejseje, gubernio de Suvalki, 50 km oriente de Suvalki, 21 km oriente de Sejne, 50 km norde de Grodno, loĝis tie nur kvar monatojn kaj en majo revenis Varsovion, enloĝiĝis ĉe strato Novolipje 28 (C).

Ses monatojn, de majo ĝis decembro 1885, li studis okulmedicinon en la Varsovia hebrea malsanulejo ĉe la angulo de stratoj Inflancka kaj Pokorna (D).

En la fino de 1885 li forveturis en la urbon Plock ĉe Vistulo (kie tiam estis neniu okulkuracisto), enloĝiĝis en domon ĉe strato nun nomata Kolegiana, provis kuracadon kiel okulkuracisto. Restinte tie dum 5 monatoj, li en majo 1886 forveturis Vienon, Aŭstrujo, loĝis en hotelo Hammerand ĉe Floriani-gasse 8, studis okulmedicinon en klinikoj (E).

En la fino de 1886 li revenis Varsovion kaj komencis okulistan praktikadon en la loĝejo de siaj gepatroj (strato Muranovska 40). Tiam li konatiĝis kun Klara Zilbernik, kiu gastis ĉe sia fratino en Varsovio (F).

La 30-an de marto 1887 Zamenhof fianĉiĝis kun Klara Zilbernik kaj la 9-an de aŭgusto 1887 edziĝis. La edziĝa ceremonio okazis en salono Harmonja en Varsovio (G).

En januaro 1885 Zamenhof finpreparis sian manuskripton kaj dum du jaroj li tute vane serĉis eldoniston; malgraŭ ke la libreto estis tre malgranda neniu volis ĝin eldoni (H).

Zamenhof, ricevinte de sia estonta bopatro monon, decidis mem eldoni sian unuan libron kaj en januaro 1887 li transdonis la pretan manuskripton al la presisto Ĥristian Kelter, kiu dum du monatoj preparis presprovaĵojn. En marto 1887 Zamenhof transdonis presprovaĵojn al la cenzuristo A. Lagadovsk, (ruso) kiu du monatojn tenis la presprovaĵojn (I).

La 21-an de majo (laŭ la nova kalendarstilo la 2-an de junio) 1887 la cenzuristo donis permeson presi la libron (J).

Por ellasi la presitan verkon el la presejo estis necese havi « bileton por ellaso ». Nur tiam ĝi povis aperi en librovendejoj. En malnovaj libroj de presejo, Adam Zakrzevski sukcesis trovi tiun liberigitan bileton : ĝi havas la daton 14-a de julio 1887 (laŭ nova kalendarstilo 26-a de julio 1887). Tio estas la vera tago de la apero de la unua esperanta libro (K).

Post la edziĝo (9-a de augusto 1887) Zamenhof kun helpo de sia edzino kaj deknaŭjara frato Felikso dissendadis librojn al diversaj pene akiritaj adresoj, pasigante multege da tempo (L).

Leono Zamenhof antaŭ februaro 1885 ne povis enloĝiĝi en Vejseje, ĉar tiam li estis 9 jara knabo kaj lernanto de popollernejo. Ĉar li finis universitaton nur en 1900, tial en la fino de 1884 li ne povis anstataŭi malsanan Pikover.

L. Zamenhof loĝis en Vejseje entute nur kvar monatojn, februaro-majo 1885.

En printempo (23 marto - 22 junio) de 1886 li ne estis en Vejseje, sed en Plock ĉe Vistulo kaj en Vieno, tial li ne povis tiam reveni el Grodno al Vejseje.

En 1886 Zamenhof ne povis el Vejseje veturi al Kovno, ĉar li en tiu jaro entute ne estis en Vejseje kaj ankoraŭ ne konis Klara Zilbernik.

Zamenhof estis en Vieno ne en 1887, sed en 1886.

En 1887 Zamenhof ne povis en Vejseje tutan someron (23 de junio - 23 septembro) pasigi boatpromenante sur lago, ĉar li tiam en Varsovio estis tre okupita per presado de sia unua libro, per edziĝarangô kaj per dissendado de libroj al diversaj adresoj.

En somero de 1887 li ne laboris multe ankaŭ nokte, bruligante multajn kandelojn, preparante sian vortaron kaj gramatikon, ĉar jam en januaro 1885 li finpreparis sian manuskripton, en marto 1887 transdonis presprovaĵojn al cenzuristo A. Lagadovski kaj la 2-an de junio 1887 de A. Lagadovski li ricevis permeson presi la libron.

En somero de 1887 li ne veturadis el Vejseje al Kovno (la distanco estas ĉirkaŭ 97 km; tiam inter Vejseje kaj Kovno ne estis ŝoseo, relvojo kaj ne ekzistis motorveturiloj), ĉar tiam li ne estis en Vejseje ; lia fianĉino estis ne en Kovno, sed en Varsovio, kaj post 9-a de augusto lia edzino estis en Varsovio.

La 14-an de julio 1887 la cenzuro ne permesis presi la unuajn lernolibrojn esperantajn. Ĉar cenzuro donis permeson presi unuan esperantan libron jam la 21-an de majo 1887, tial al cenzuristo ne estis necese la 14-an de julio doni duan permeson. Por ĉiu libro estis necese ricevi de cenzuro apartan permeson, ĉiam nepre enpresitan sur ĉiu libro. Cenzuro donis permesojn : por unua esperanta libro la 21-an de majo (la 2-an de junio laŭ nova kalendarstilo), por pola eldono la 9-an (la 21-an) de julio 1887, por franca la 25-an de aŭgusto (la 6-an de septembro) 1887, por germana la 21-an de oktobro (la 2-an de novembro) 1887, por angla eldono de J. St. ( Julius Steinhaus) la 12-an (la 24-an) de Januaro 1888 por la « Dua libro de l'Lingvo Internacia la 18-an (la 30-an) de januaro k.t.p. (M).

Pri la laboro de cenzuro Zamenhof skribas en sia letero de 25-a de aprilo 1904 al C. Bourlet :

# ZAMENHOF - STRATOJ

## Landoj. Urboj.

1. **ARGENTINO.** — 1. General Alvear Mendoza (Z st), 2. Venado Tuerto (6 aŭg. 1955 — E st).

2. **AŬSTRUJO.** — 1. Graz (1952 — E pl), 2. Klagenfurt, 3. Knittelfeld (sep. 1957 — E st), 4. Linz (Z st), 5. Radstaedter Tauern, 6. Wien (7 julio — 1929 — Z st).

3. **BELGUJO.** — 1. Anderlecht (1960 — Z aven), 2. Antverpen (1953 — Z st)

4. **BRAZILO.** — 1. Aracajŭ (ŝtato Sergipe, 23 marto 1932 — E st), 2. Belo Horizonte (Minas Gerais, 1947 — E pl), 3. Campinas (Sâo Paulo, 24 jan. 1960 — E st), 4. Caraçao de Jesus (Minas Gerais, 7 majo 1952 — E pl), 5. Curitiba (Paranà, 1953 — Z st), 6. Feira de Santana (Bahia, 18 dec. 1959 — Z st), 7. Joao Pessoa (Paraiba, 1949 — E st), 8. Juiz de Fora (Minas Gerais, 1953 — Z st),, 9. Macaé (Rio de Janeiro, 25 sept. 1917 — Z — st), 10. Macaiba (Rio Grande do Norte, 1957 — E st), 11. Macau (Rio Grande do Norte, —E st), 12. Maceio (Alagoas, 1957 — Z st), 13. Muritiba (Bahia, 8 aŭg. 1960 — Z st), 14. Natal (Rio Grande do Norte, 1959 — Z pl ; 1959 — E pl), 15. Nilopolis (Rio de Janeiro, 3 aŭg. 1959 — E st), 16. Niteroi (Rio de Janeiro, aŭg 1957 — E st), 17. Pôrto Alegre (Rio Grande do Sul, 1937 — Z st ; 14 jul. 1953 — E st), 18. Realengo (Rio de Janeiro, 5 okt. 1913 — E st), 19. Recife (Pernambuco, 22 des. 1951 — E st), 20. Rio de Janeiro (Rio de Janeiro, 31 okt. 1917 — Z st ; 15 dec. 1946 — Z st), 21. Salvador (Bahia, 1937 — E st), 22. Santa Maria (Rio Grande do Sul, 1959 — Z st), 23. Santo Amaro (Bahia, 30 dec. 1959 — E st), 24. Sao Joao da Boa Vista (Sao Paulo, 1959 — Z st), 25. Sao Paulo, 1947 — E st), 26. Soledade (Rio Grande do Sul, 1959 — E st), 27. Sorocaba (Sao Paulo — E st), 28. Uba (Mnas Gerais, 21 dec. 1952 — E st).

5. **BRITUJO.** — 1. Bournemouth.

6. **BULGARUJO.** — 1. Asenovgrad (1956 — E pl), 2. Govedarci, 3. Jambol (1959 — E st), 4. Kazanlak (6 apr. 1959 — E aleo ; 15 dec. 1959 — E st), 5. Kubrat (10 marto 1959 — Z pl ; 6 okt. 1959 — E st), 6. Pazarĝik (E aleo), 7. Pirdop (1960 — Z st), 8. Plovdiv (K st), 9. Polski Trambeŝ (E park), 10. Sevlievo (17 dec. 1959 — E st), 11. Slavjanovo (E st), 12. Sofia (1942 — E st ; 21 nov. 1959 — Z st), 13. Stara Zagora (E st), 14. Tirnovo (jul. 1960 — E st), 15. Varna (jun. 1057 — Z st).

7. **ĈEĤOSLOVAKUJO.** — 1. Bohumin, 2. Bor (Haida — Z st), 3. Bratislava (1930 — Z st), 4. Doksy, 5. Drahovice (9 feb. 1926 — E st), 6. Hradec Kralové, 7. Lazne Belohrad (19 jul. 1959 — Z aleo), 8. Nové Zamky (Z st), 9. Olomouc (27 jun. 1932 — Z st), 10. Trautenau (E pl).

8. — **FRANCUJO.** — 1. Alès, 2. Amiens (24 jan. 1931 — Z st), 3. Angers, 4. Arras, 5. Baugé (19 jul. 1959 (Z st), 6. Benlys-sur-Mer, 7. Boulogne-sur-Mer (3 feb. 1931 — Z pl), 8. Bourg-de-Péage, proksime de Romans (15 dec. 1959 — Z st), 9. Cagnes-sur-Mer (25 dec. 1933 — Z st), 10. Cannes (18 jun. 1933 — Z st), 11. Clamart (Z st), 12. Commentry (13 marto 1949 — Z st), 13. Evreux (E st), 14. Hagondange, 15. Hautmont, 16. Houilles, 17. Hyères, 18. Issy-les-Moulineaux (jan. 1933 — Z st), 19. Le Mans (Z ave), 20. Liévin, 21. Limoges (1907 — Z st), 22. Malakoff (1934 — Z st), 23. Marly-les-Valenciennes, 24. Marseille, 25. Montbéliard (8 aŭg. 1933 — Z st), 26. Montreuil-Belfroy (21 aŭg. 1960 — E st), 27. Mulhouse (7 jan. 1933 — Z st), 28. Perpignan (1947 — Z st), 29. Privas (Ardèche — E st), 30. Rivesaltes, 31. Romans-sur-Isère, 32. Rosendaël près Dunkerque, 33. Rueil-Malmaison, 34. Saint-Laurent-du-Var, proksime de Nice (1960 — Z st), 35, Saint-Raphaël (Z st), 36. Sotteville-les-Rouen (24 majo 1914 — Z st), 37. Strasbourg-Bisheim, 38. Thiers, 39. Villeneuve-Saint-Georges, 40. Viroflay.

9. **GERMANUJO.** — 1. Bad Neuenahr (Z pl), 2. Dresden (1927 — Z st), 3. Düsseldorf (21 feb. 1933 — Z st), 4. Glinde, proksime de Hamburg (E st), 5. Gross Gerau, 6. Hamburg (17 majo 1960 — Z st), 7. Kaiserslautern, 8. Karlsruhe (28 jun. 1960 — Z st), 9. Köln (1961 — Z st), 10. München (7 aŭg. 1951 — E pl), 11. Nürnberg (30 nov. 1959 — E st), 12. Rüsselsheim, 13. Stockum (E st), 14. Stuttgart (12 nov. 1960 — Z st), 15. Troisdorf.

10. **HISPANUJO.** — 1 Barcelona (14 apr. 1932 — Z st), 2. Cassaŭ de la Selva 1932 — Z st), 3. Castellon de la Plana, 4. Cheste (24 okt. 1959 — Z st), 5. Fuentes de Ebro, proksime de Zaragoza (Z st), 6. Manresa (1957 — Z st), 7. Matadespera, 8. Moya (1959 — Z st) 9. Palma de Mallorca, 10. Sabadell, proksime de Barcelona (1912 — Z pl ; 12 okt. 1959 — Z st), 11. San Feliu de Guixolls (29 jun. 1914 — Z st), 12. San Seriol, 13. Santander, 14. Tarrasa (1912 — Z pl ; 6 sept. 1959 — Z st), 15. Valencia (5 aŭg. 1934 ; 20 dec. 1959 — Z st), 16. Vendrell (1933 — Z st ; 20 dec. 1959 — Z st), 17. Vich (30 nov. 1932 — Z st), 18. Vilafranca del Panades (17 majo 1959 — Z st), 19. Vinaroc.

11. **HUNGARUJO.** — 1. Budapest (28 junio 1959 — Z st), 2. Debrecen (28 junio 1959 — Z st ; 20 aŭg. 1961 — E st), 3. Esztergom, 4. Miskolc (13 junio 1957 — E pl ; 1960 — Z st), 5. Pecs, 6. Szeged (1957 — E pl ; 1960 — Z st), 7. Tabanya.

12. **ITALUJO.** — 1. Allessandria (11 okt. 1959 — Z st), 2. Bologna (31 julio 1955 — Z st), 3. Como, 4. Mantova (26 feb 1961 — E st), 5. Massa, 6. Milano (1921 — Z st), 7. Mirandola (1960 — E st), 8. Pisticci, 9. Pistoia, 10. Ragusa (E st), 11. Reggio Emilia, 12. Roma (apr. 1959 — E aleo), 13. Varese (18 dec. 1960 — Z st).

13 **IZRAELO.** — 1. Jerusalem (Z st), 2. Kfar Ata (12 julio 1960 — Z st), 3. Nova Bjalistok (majo 1951 — Z st), 4. Tel Aviv.

---

**« Se Hachette sendos al mi la Adresarojn en la mezo de Majo, tiam mi — dank'al nia malbenita cenzuro — ricevos ilin ne pli frue ol en la fino de junio) ».**

**El korektoj ni klare vidas, ke pastro Dambrauskas en sia verko « La estingiĝintaj luminoj » ne nur faris multajn erarojn, sed ankaŭ multe fantaziis.**

**A. HOLZHAUS (Usono).**

---

A (p. 579) — E (p. 518) — K (p.550) : Enciklopedio de Esperanto.

A : Galerio de Zamenhofoj.

B — D — F (p. 112) : Leteroj de Zamenhof (Waringhien).

C — E — F — H : Dokumentoj de Esperanto (Mobusz).

C — G : Memorlibro pri la Zamenhof-Jaro.

D : Doktor Esperanto (Ziolkowska).

E — H : Esperanto N° 125, 20-6-1912.

F — G — I — L : Vivo de Zamenhof (Privat).

H (p. 422) — I (p. 489) : Originala Verkaro.

J : Doktoro Esperanto. Internacia Lingvo (1887).

J — K — M : Historio de Esperanto (Zakrzewski).

M : Letero jan, 1961 de M.C. Butler al A. Holzhaus.

## Ankorau pri la nomoj de urboj

*S-ro Duc Goninaz forte kontraŭas mian opinion en tiu afero. Pli bona estas kritiko ol indiferenteco. Tamen mi deziras respondi pri elkaj punktoj.*

*Jes, la nacia nomo de urbo estas la vera kaj sola nomo, almenaŭ preskaŭ ĉiam. Ekzistas kelkaj esceptoj (Belgujo), sed en Franclando, Anglujo, Italujo, Hispanujo, k.t.p., estas unu sola nomo por ĉiu urbo.*

*Laŭ S-ro Duc Goninaz la esperantistaj presistoj ne povus korekte presi la naciajn nomojn de iuj urboj danaj, polaj, k.t.p. Tamen la « okcidentaj » firmoj presas korekte tiujn nomojn en geografiaj verkoj. Kial tiuj firmoj kiam ili presas esperantajn verkojn, perdus la eblecon same presi la diritajn nomojn ? Estas vere, ke sur francaj mapoj oni vidas kelkajn francigitajn nomojn : Copenhague, Munich, sed mi citis tiujn du urbojn inter tiuj kies nomon oni povas esperantigi.*

*La propono montri la ĝustan prononcon apud la nacia estas tute natura kaj komprenebla. Se fremdulo deziras viziti Blois, li bezonas koni la francan prononcon de tiu nomo por sin komprenigi. Male la esperantigita vorto « Blezo » tute ne ebligas tion. Mi vane serĉas kia kripligo estas en tio. Kripligo estas la transformo de Bordeaux en Bordezo aŭ Bordeo. Kaj certe, se mi informus miajn samurbanojn pri tia esperantigo ili ridus, kaj opinius, ke Esperanto ne estas serioza afero.*

*Kiam temas pri lingvoj kies alfabeto estas tute diferenca de la nia, ŝajnas nature skribi ilin per esperantaj literoj kiuj donas la ĝustan nacian prononcon. Kaj ni povus rimarkigi al la neesperantistoj, kiom oportuna estus la internacia adopto de la esperanta alfabeto por tiuj nomoj, kiuj de tiam estus ĉiam same skribitaj, dum hodiaŭ oni havas plurajn formojn por sama nomo : Chang-Hai, Shang-Hai, Schang-Hai. Kaj la ĝenerala kono de tiu alfabeto estus ŭnua paŝo en la kono de la internacia lingvo.*

*P. MARLY.*

## Regulus, vel pueri soli sapiunt

Ĉu placas al vi la divenludoj ?

Se jes, provu... se ne, ni baldaŭ diros al vi, pri kio temas... ĉar jen la titolo de ĵus aperinta tradukaĵo en la latina lingvo ; ĝin kulpas S-r Auguste Haury, profesoro ĉe la Universitato de Bordeaux, kaj fervora propagandisto pri la vivanta latinaĵo. En tiu verko pafas « arcus tonnans », flugas « machina mea », kaj tre verŝajne vi frue ekkrios : « ... in Garamantum solitudine destitutus jacui » t.e. ĉe tia okazo : *mi panee falis sur la dezerton* (de tia libro) !

La orginalaĵo estas ja konata de vi : ĝia aŭtoro estas ANTONIUS A SANCTO EXUPERIO, pardonu : Antoine de Saint-Exupéry ; la titolo « La eta princo ». « Arcus tonnans » signifas *fusilo*, « machinea mea » *mia aviadilo*. Laŭ informo, subskribita de Maurice Tassart kaj aperinta en « Le Parisien Libéré », la eldonisto entuziasmiĝis pri ĉi tiu nova ĉefverko en la latina literaturo : Edidit Fernandus Hazan in via Sequanica XXXIV ac XXXVII Loco Lutetiae in VI Regione...

Siaflanke S-ro Marc Blancpain en artikolo, publikigita de la « Revue des Deux-Mondes », proklamas, ke la franca lingvo povas iel ludi « la rolon de latinaĵo tra la moderna mondo » kaj samtempe resti antaŭ ĉio la granda lingvo internacia de kulturo kaj interŝanĝo : sed li ja estas la Ĝenerala Sekretario de l' « Alliance Française »...

Nu, kontraŭuloj al Esperanto, necesus agordi viajn intrumentojn : ĉu la latinan, ĉu la francan ?... kiel internacie kripligitan lingvaĵon aŭ kiel kulture respektatan lingvon ? Por ni ne ekzistas tia problemo, ĉar ni deziras plene respekti kaj la lingvon de Cicero kaj la lingvon de Racine, kaj ĝuste tial por la internacia uzado ni uzas nur unu lingvon, la Internacian laŭ destino kaj konsisto.

VERRIDO.

---

14. **JUGOSLAVUJO.** — 1. Novi Sad, 2. Zagreb (28 julio 1953 — Z st).

15. **KANADO.** — 1. Trois Rivieres (26 okt. 1959 — E st).

16. **LATVUJO.** — 1. Liepaja (7 nov. 1932 — E st).

17. **LIBANO.** — 1. Bejrut (1960 — E st).

18. **LITOVUJO.** — 1. Kaunas (1925 — Z st).

19. **NEDERLANDO.** — 1. Amstedam, 2. Arnhem (23 julio 1934 — E st), 3. Den Haag, 4. Krommenie (Z st), 5. Leeuwarden (dec. 1959 — Z park), 6. Rotterdam (29 majo 1948 — Z st), 7. Zwolle (5 sep. 1959 — Z bulv).

20. **POLUJO.** — 1. Bialystok (11 jun. 1919 — Z st), 2. Brzeziny (13 majo 1931 — Z st), 3. Bytom (1959 — Z st), 4. Czestochowa, 5. Gdansk (31 julio 1927 — Z st), 6. Gora Slaska (Z st), 7. Jelenia Gora (Z st), 8. Krakow (aŭg. 1931 — Z st), 9. Kutno, 10. Lodz (18 majo 1920 — Z st), 11. Nowy Sacz (1960 — Z st), 12. Ostrow Wlkp (junio 1960 — Z st), 13. Poznan (16 feb. 1960 — Z st), 14. Radom (Z st), 15. Siedlce, 16. Slupsk (1960 — Z st), 17. Sosnoviec (1960 — Z st), 18. Srodborow (1931 — Z st), 19. Swidnica (E st), 20. Szczecin, 21. Szopienice, 22. Torun (1959 — Z st), 23. Warszawa (24 feb. 1931 — Z st ; 1960 — E st), 24. Wielun, 25. Wloclawek (Z st), 26. Wrzeszcz 1947 — Z st), 27. Zabrze (Z st), 28. Zamosc.

21. **SOVETUJO.** — 1. Barnaul, 2. Tbilisi, 3. Vitesk.

22. **SVEDUJO.** — 1. Goteborg (1954 — E pl).

Entute : 22 landoj, 207 urboj, 221 stratoj.

La unuaj Zamenhof-stratoj en la mondo estis nomitaj en Hispanujo :

Sabadell — 1912 — Z pl, Tarrasa — 1912 — Z pl.

A. HOLZHAUS. (Usono).

